# Itala Fervojisto




Il Ferroviere Italiano

**2018 / 04 (s)**





## FERVOJISTOJ ESPERANTISTOJ EN ITALIO
*(DE LA PIONIROJ AL NUNTEMPO)*



## *SPECIALA NUMERO SPECIALE*

*Okaze de la datrevenoj de Esperanto (130-a) kaj de la forpaso de d-ro Zamenhof (100-a)*
In occasione degli anniversari dell'Esperanto (130°) e della scomparsa del dr. Zamenhof (100°)

Ludoviko Lazaro Zamenhof en 1908


Informa Bulteno (por la disvastigo de Esperanto)

Bollettino di Informazione (per la diffusione della lingua internazionale Esperanto)

| Quote - Materiali | € |
|---|---|
| IFEA/IFEF (tutti) | 25,00 |
| FEI (ordinario) | 30,00 |
| FEI (giovane o familiare) | 15,00 |
| DLF (Effettivo, in servizio o pensione) | 12,00 |
| DLF (Aderente = familiare) | 12,00 |
| DLF (Giovane) | 6,00 |
| DLF (Frequentatore) | 17,00 |
| Circolo Culturale Gruppo E-o Bologna | 8,00 |
| *Lessico Ferroviario RailLex* | *8,00* |
| *Historio de la Fervojista E.o-Movado* | *3,00* |
| *Historio de IFEF 1909-1984* | *3,00* |
| *Suplemento al Historio 1984-1999* | *3,00* |
| *NomListoj el la Historia broŝuroj* | *2,50* |
| *Statuto kaj Regularo IFEF* | *In rete* |
| *Catalogo Fondo Librario BO* | *4,00* |
| *L'E-o in Emilia Romagna* | *7,00* |
| *Ĉu vi deziras korespondi?* | *1,00* |
| *Uzo-pretaj korespondaj frazoj* | *1,50* |
| *Vivo kaj morto de monunuo* | *1,50* |
| *Introduzione alla conoscenza dell'E.o* | *3,00* |
| Distintivi *IFEF Insignoj* | *2,50* |

Prezzi comprese spese postali.
Per minimo 3 copie: il prezzo di 2.
Rivolgersi a Bolognesi Romano:
✉ Via Misa 4, IT-40139 Bologna,
✆ ++39 051 547 247,
💻 <bolognesiromano@alice.it>

*La legantoj estas varme invitataj kunlabori per artikoloj, informoj, sugestoj.*

*La Redakcio*

I lettori sono invitati a collaborare inviando articoli, notizie, suggerimenti.

La Redazione

**Attenzione**: la quota 2018 resta a **<u>25,00</u>** €.
I morosi 2017 versino per i 2 anni 50,00 €.
**Attenzione**: N-ro Conto Corrente Bancario del Segretario IFEA:

Vito Tomillo c/o CARISBO Zola Predosa (BO)

**<u>IBAN IT55 P063 8537 1301 0000 0004 536</u>**

***Rinnovate subito la quota:***

l'IFEA potrà meglio programmare e operare.

Segnalate sempre:

**causale, cambio di dati e di indirizzo!**

*<u>Fate iscrivere un collega, un familiare, un amico, un samideano: dobbiamo crescere in qualità, ma anche in quantità.</u>*

La Kasisto

## *Enhavo*

# *SPECIALA NUMERO SPECIALE*

## FERVOJISTOJ ESPERANTISTOJ EN ITALIO
## *(DE LA PIONIROJ AL NUNTEMPO)*

### Enkonduko

Kun multe da plezuro ni evidentigas, ke nia profesia kategorio ĉiam estis movade avangarda, kaj ni fieras ankaŭ nuntempe pro la efiko, la atingoj de ĝia laboro kaj pro pluraj kapabloj: organizi kongresojn, konferencojn, fakajn kaj ĝeneraltemajn prelegojn; aktivi en la lingva instruado; verki publikaĵojn; eldoni vortarojn, reglamentojn, propagandan materialon; ktp.

Elstaras pri tio la oficiala rekono de IFEF (*Internacia Fervojista Esperanto-Federacio*) (kiel samranga partnero kune kun pli ol cento da fervojaj retoj, administracioj, plejofte tutŝtataj, internaciaj fervojfakaj organizoj) fare de UIC (*Union Internationale des Chemins de Fer = Monda unio de fervojoj*) kaj per tio de la envicigo de Esperanto inter la (ĝis nun) 24 lingvoj de la Fervoja Terminaro - *projekto RailLexi*c - kun pli da 12.000 terminoj. IFEA (*Itala Fervojista Esperanto-Asocio*) estas nia landa asocio de IFEF.

Menciindas ankaŭ la daŭra apero de paĝoj kun notoj kaj klarigoj en la oficialaj horaroj de kelkaj fervojoj (en la italaj FS inter 1968 kaj 1990).

Rimarkindas la prezenco de esperantistaj grupoj ene de DLF (*Dopolavoro Ferroviario*), ekde ĝia fondo en 1925, kadre de la socialaj, kulturaj agadoj de la fervojistoj. DLF estas la nacia sekcio de FISAIC (*Fédération Internationale des Société Artistiques et Intellectuelles de Cheminots = Internacia Federacio pri la kulturaj agadoj de la fervojistoj*), kiu jam de jaroj akceptis kaj uzas Esperanton en dokumentoj kiel unu el la tri oficialaj lingvoj.

Do, nepras ĉiam bone memori pri la antaŭloj kaj la nuntempuloj, pri ĉiuj ŝatataj kaj estimataj kolegoj, kiuj donis sian kunlaboron cele al tiuj atingoj kaj heredigis al ĉiuj fundajn sentriĉojn kaj imitindajn ekzemplojn de kapablo kaj sindonemo.

En niaj fakaj eldonaĵoj "*ITALA FERVOJISTO - Informa Bulteno*" (sekve: IF IB) n-roj 1990/3, p. 6 kaj poste 1996/1, p. 9, kun kelkaj ĝisdatigoj, ni memorigis pri niaj pioniroj, elpreninte iujn informojn el la broŝuro de Elio MIGLIORINI (Rovigo 09.03.1902 - Roma 07.12.1988), titolita: "*I pionieri dell'Esperanto in Italia*" (*Pioniroj de Esperanto en Italio*) (Roma, 1982, 24,5x17 cm).

Tamen, en la listo de Migliorini mankas iuj gravaj nomoj de la fruaj jaroj, kaj, nature, de la postaj periodoj-

Ĉar intertempe, kun pacienco kaj persisto, ni trovis aliajn informojn, ni taksis bone reeldoni tiun liston, fakte du listojn, laŭ noma alfabetordo.

1) Fervojistoj esperantistaj jamaj [N.B.: la pioniroj cititaj de Migliorini, montriĝas per (M)].

2) Fervojistoj aŭ eks-fervojistoj esperantistaj nuntempaj.

La signoj **(?)** kaj **(-)** montras al ne-kompletaj kompletigendaj datumoj pri ne konataj nomoj, lokoj kaj datoj.

La mencioj ne celas juĝi pri pli-malpli aktivan agadon, sed nur citi la aniĝon al nia movado dum minimuma tempo.

## Mallongigoj

ANFE = Associazione Nazionale Ferrovieri Esperantisti
-D = -Delegito
e-ano = estrarano
E-As. = Esperanto-Asocio
E.E. = Encuklopedio de Esperanto
E-Gr. = Esperanto-Grupo
FS = Italaj Ŝtataj Fervojoj
IAEF = Internacia Asocio de Fervojaj Esperantistoj
IEF = Itala Esperanto-Federacio
IEL = Internacia Esperanto-Ligo
IF = Internacia Fervojisto
IFIB = Itala Fervojisto Informa Bulteno
IFK = Intenacia Fervojista IFEF-Kongreso
IIE = Itala Instituto de Esperanto
Ks = Kasisto
LF = La Fervojisto
Pr = Prezidanto; HPr = Honora Prezidanto
Rd = Redaktoro
Sk = Sekretario
TELF = Tutmonda Esperantista Fervojista Ligo
UEA = Universala Esperanto-Asocio

Unue, omaĝe kaj honore nepras citi iujn eminentajn ne fervojistojn, kiuj multe agis favore al la divastigo de niaj faka kulturo kaj movado.

*BAGNULO, adv. Raffaele* (Napoli 1880 -Bologna 28.12.1975) en 1905 partoprenis en *Boulogne-s-m.* Li amike rilatis kun d-ro ZAMENHOF. Li ĉiam estis tre proksima al la fervojista movado kaj nomumita IFEA-HPr. Li havigis librojn al la E-libro-fonduso en la Komunuma Biblioteko 'Archiginnasio' de Bologna. Nekrologo en "*l'esperanto*"-IEF 1976, p. 13, kaj foto (n-ro 34) en *E.E.*

*BONORA, d-ro Lanfranco* (Bologna 26.01.1940-), IFEA-ano de 1984. Funkciulo de la Komunuma Biblioteko 'Archiginnasio'. Li kompilis katalogon pri ties E-kolekto kaj direktis ĝian translokigon ĉe la Fervojista E-Grupo de DLF en Bologna.

*TADOLINI, d-ro Luigi* (Bologna 1920-2018.03.29). En "*L'Esperanto in Emilia-Romagna - I luoghi, gli eventi, i protagonisti*" (*Esperanto en Emilio Romanjo - Lokoj, eventoj, rolantoj*), li ofte mencias fervojistojn kaj en aparta ĉapitro montras ties multajn kontribuojn al la faka kaj ĝenerala movado.

*TOMBA Gianfranco* (Bologna 01.10. 1953-) IFEA-ano de 1994, LKK-ano en la IFK San Benedetto 2014 kaj sindone ĉiam helpema kaj agema en ĉiuj okazoj.

*OBERRAUCH instr. Luigia* (Renon BZ 08.02.1937-) IFEA-ano de 1989 kun la edzo *Vittorio MADELLA*, ambaŭ tre agemaj en la instruado ankaŭ en iuj IFK kaj en konstanta varbado.

## 1) Fervojistoj esperantistaj jamaj

*ALBERTAZZI, Ugo* (-). Trajnestro en Mantova (*LF* Julio 1923).

*ALBONETTI, inĝ. Giuseppe* (Bologna -tie 16.09.1966). Funkciulo FS en Bologna. Pr de la urba E-Grupo 1961-62. IFEA-ano ekde la 50aj jaroj ĝis la fino.

*ALCIATI, (?)* (Torino-). IFEA-estrarano, fruaj 50aj jaroj.

*ALLAMANDOLA, Giocondo* (-). Aktiva en Torino 1926.

*APROSIO, inĝ. A.* (-). Funkciulo FS aktiva en Torino. IEL/UEA-D 1947, 1954.

*AUDAGNA, Bernardo* (-). Aktiva en Torino 1926. IAEF-asesoro 1929-30.

*AZZI, inĝ. Giordano* (Como 06.03.1910 - tie 01.07.2002). Esreo ĉe privata fervojo (Nord-Milano). Delegito de UEA 1952, 56. Inter la plej elstaraj italaj e-istoj, li estis IEF-Pr, IEF/UEA-Honora Membro. Notindaj liaj verkoj kaj tradukoj de literaturaĵoj en E-on, ĉefe el Giovanni Pascoli. Li estis la ĉefa zorganto por la eldono de la kolekto "*Itala Antologio*". IFEA-ano ekde la 50-aj jaroj. Membro

de la IFEF-"Honora Patrona Komitato" (de 1972).

*BALESTRIERI, Antonio* (-). Oficisto en Romo (*LF* Feb.-Marto 1925).

*BALLESTRERO, G.* (-). Aktiva en Alessandria. IEL-Delegito 1938.

*BARCHIESI-FAINI, Vertunno* (-). Aktiva en Romo 1926.

*BELLI, Gustavo* (Torino-). Aktiva en Torino, kie li kunfondis fervojistan grupon (1918). Li estis dum kelka tempo IFEA-Sk, kiun li kunfondis en 1922.

*BENETTI, Guido* (-). Lokomotovisto en Mantova (*LF* Julio 1923).

*BISETTI, Aleviano* (1887-Torino 13. 10.1955). Pioniro de la fervojista movado, funkciulo FS en Torino, li kunfondis en 1922 la tiaman IFEA-n. Li estis ano de la unua IAEF (Internacia Asocio de Fervojaj Esperantistoj). Tre aktiva ekde 1918 kaj post ĝia fondo ĉe la Torino-DLF, kies Pr li estis en 1926. Li organizis multajn kursojn. Unu el liaj lernantoj estis Giorgio CANUTO. Li partoprenis en multaj internaciaj kongresoj. Nekrologo en "*Bulteno*" de IFEF, n-o 4, Aprilo 1956). (M)

*BLASIMME, Ascenzio* (Roma 1901-tie 07.03.1971). Aktiva ekde 1926. Li elsendis en Esperanto de Radio Romo de 22.03.1935 ĝis la fino de 1956 (escepte de la militaj jaroj). Delegito de IEL en 1947. Li kunfondis IFEA en 1950, kies estrarano li estis. Li gvidis multajn kursojn ĉefe al fervojistoj. Nekrologo kun foto en "*l'esperanto*" 1971, p. 16. (M)

*BONATTI, Enea* (-). Aktiva en Mantova en 1922.

*BONINO, Ugo* (-). Aktiva en Torino en 1922.

*BORIONE, Carlo* (Torino -). Aktiva en Torino, kie post la dua mondmilito revigligis la Esperanto-movadon. IEL-Delegito 1938, 39, 52, 54. Li kunfondis IFEA en 1950, kies estrarano li estis. Dum multaj jaroj li praktike gvidis kiel IEF-Sk la tutan italan esperantistan movadon. (M)

*BROGLIO, Beniamino* (Torino-). Funkciulo en la komerca fako FS en Torino. Pioniro de la fervojista movado, li kunfondis en 1922 la tiaman IFEA-n.

*BURCI, Ettore* (-). Trajnestro en Mantova (*LF* Julio 1923).

*CANCELLIERI, Giovanni* (-). ANFE-Estrarano 1926.

*CAPPABIANCA, Fortunato* (-). Aktiva en Napoli 1926.

*CARENA, Carlo* (Voghera, PV 1902-tie 1979). Aktiva ekde 1922, tre agema en la 50-60aj jaroj en Voghera. Nekrologo en "IFIB" 5-9/1979, p. 4.

*CARLACCINI, O.* (-). Aktiva en Pisa kaj Volterra (PI). Delegito IEL en 1938, 39, 46).

*CARTOSIO, Giovanni* (-).Aktiva en Arona NO en 1926.

*CASINI, Giovanni* (-). Aktiva en Pisa en la 50-aj jaroj. Li aperas en la Listo de Lokaj Reprezentantoj 1953.

*CATENA, Giulio* (25.11.1898-Santa Agata Bolognese, BO 05.01.1994). Aktiva en Bologna kaj ĉefe rolis kiel kasisto en la loka Grupo kaj en IFEA dum multaj jaroj.

*CECCONI, Giuseppe* (-).Aktiva en Torino en 1926.

*CERONI-BASSANI, Cesare* (Verona-). Aktiva en la Verona Fervojista Grupo en la jaroj 50-aj kaj tuj ekagis en IFEA, kiel unua Sk. LKK-Pr en Verona 1954.

*CICCONI, Marino* (-). Oficisto en Romo (*LF* Feb.-Marto 1925).

*CICEONI, Marino* (-). Aktiva en Roma en 1925.

*CINTOLESI, Massimo* (1947-Pisa 19. 07.1991). Teknikisto pri relvojo en Pisa. IFEA-ano dum siaj lastaj jaroj. Nekrologo en "IFIB" 1992, p. 21.

*CLIMELLI, Geo* (Baricella, BO 1918-Bologna 02.01.1990). Funkciulo en la Trafikfaka Oficejo en Bologna. IFEA-

ano de 1985, IFIB-Rd 1985-89. Nekrologo kun foto en "IFIB" 1/1990, p. 20.

*COLELLA, Guido* (-). Aktiva en Torino en 1926.

*COLOMBANO, Giuseppe* (-). Kontkontrolisto ANFE 1926.

*COLOMBO, Angelo* (-). Oficisto en Voghera (*LF* Julio 1923).

*CONTINI, Francesco* (-). Aktiva en Cagliari en 1926.

*COPELLI, Mario* (1893-Torino 23. 08.1967). Aktiva en Torino.

*CORRADI, Celso* (-.04.1998). Aktiva en Rapallo, Genova. IFEA-ano ĝis la fino.

*CORRIERI, U.* (Genova-). Aktiva en Genova. IFEA-estrarano en la fruaj 50aj jaroj. Li aperas en la Listo de Lokaj Reprezentantoj 1953.

*COTTI, Giuseppe* (-). Oficisto en Voghera (*LF* Julio 1923).

*DAGLIO, Clemente* (-). Fervojisto en Cagliari (*LF* Jan.-Feb.-Marto 1926).

*D'AMICO, Giuseppe (Pippo)* (Piedimonte Etneo, CT 22.06.1913-Bologna 27.05.1976). Funkciulo en la elektra fako FS en Bologna, kune kun sia ĝemelo Giovanni.

*D'AMICO, Giovanni* (Piedimonte Etneo, CT 22.06.1913-Bologna 15.10.1976). Funkciulo en la elektra fako FS en Bologna, kune kun sia ĝemelo Giuseppe (Pippo).

*D'ATTILIO, Attilio* (Padova-). IFEA-ano 1994-99.

*DEGLI ESPOSTI, Aristeo* (-Porretta Terme, BO 13.02.1980). Aktiva en Porretta, BO. IFEA-ano ekde 1966, li multe vigligis la lokan fakan grupon.

*DEGLI ESPOSTI, Gian Leone* (Bologna 28.11.1911-tie 11.03.1991). Staciestro en Bologna. IFEA-ano de 1950. Nekrologo en "IFIB" 1992, p. 21.

*DI DEMETRIO, Francesco* (-). Aktiva en Roma. Asesoro de IAEF, UEA-D 1926 (*LF*, Aŭg.-Sep.-Okt. 1925).

*DI FEDERICO, Lucifero* (-). Aktiva en Roma en 1925.

*DOLCE, Galliano* (-). Aktiva en Udine. Oficisto FS. UEA-Delegito 1930.

*DUZZI, Fulvio* (Verona 1928-). Funkciulo en la Direktora Sekretariejo FS en Verona. IFEA-ano ĝis 1989.

*DURASTANTE, Ampelio* (1923-Verona 24.10.1997). Aktiva en Verona kaj IFEA-ano 1991-97.

*FAGGIOLI, Martino* (-Bologna 12. 10.1977). Oficisto en la elektra fako FS. IFEA-ano dum pli ol 20 jaroj. Nekrologo en "IFIB" 1-3/1978, p. 8.

*FEDERICI, Francesco* (Bologna-). Kontrolisto en Bologna. IFEA-ano 1985-86.

*FERRERO, Renato* (1921-Venezia 23. 11.1987). Estro en la Direktora Sekretariejo FS en Venezia kie li multe varbis inter la kolegoj ekde 1965 ĝis sukcesi kunfondi la fervojistan grupon "*La Gondolo*". Ano de IFEA/IFEF, IEF, COEDES kaj partoprenis en multaj kongresoj kaj manifestacioj.

*FERRI, Guido* (-). Trajnestro en Mantova (*LF* Julio 1923).

*FERRI, Orfeo* (-). Oficisto en Voghera (*LF* Julio 1923).

*FILIPPI, Ermanno* (Roma 1886-tie 1963). Funkciulo en la librotenada fako FS en Romo, li kunfondis en 1922 la tiaman IFEA-n. E-isto ekde 1906, li gvidis multegajn kursojn por fervojistoj kaj ankaŭ ĉe "Radio Roma" (1925). Li multe agadis en la fervojista movado kaj multe tradukis por la revuo "*L'Esperantista*". El la franca li tradukis (1922) tekston de la Sekretariejo de Societo de Nacioj, kun titolo "*Esperanto kiel helpa lingvo internacia*". Delegito de IEL en 1945, 46, 47. Li kunfondis IFEA en 1950, kies e-ano li estis. Nekrologo kun foto en "*l'esperanto*" 1963, p. 48. (M)

*FINELLI, Giovanni* (-). Aktiva en Mantova (LF Julio 1923).

*FLORES, Giuseppe* (Bologna 1942-tie

1994). Funkciulo de la personarfako FS en Bologna. IFEA-ano 1979-86.

*FLORETTI, Remo* (Fidenza PR 11.07. 1917-Parma PR 17/06/1977). Telefonteknikisto en Fidenza PR 1957-1977. En 1961, kun aliaj lokaj s-anoj (Renzo Sommi, Giovanni Guareschi, Rino Parmigiani, Milena Curti) li sukcesis nomigi E-straton en Fidenza.

*FOGLIACCO, Carlo* (-).Aktivulo en Torino 1926.

*FONTANA, Luciano* (La Spezia-). IFEA-estrarano fruaj 50-aj jaroj. Li estas en la Listo de Lokaj Reprezentantoj 1955.

*FORMAGGIO, Aldo* (Torino 1920-Chiavari 26.04.2005). Funkciulo de la librotenada fako FS en Torino kaj Genova. IFEA-ano 60-aj jaroj-1986.

*GADALORA, Giuseppe* (-). Lokomotovisto en Mantova (*LF* Julio 1923).

*GALICE, Giulio* (-). Lokomotivisto en Mantova (*LF* Julio 1923).

*GADDONI, Giovanni* (-Casalecchio di Reno, BO 18.07.1977). Lokomotivisto. IFEA-ano dum pli ol 25 jaroj. D Delegito UEA kaj Pr de la loka Grupo. Li titoligis Esperanto-straton en Casalecchio di Reno BO. Nekrologo en "IFIB" 1-3/1978, p. 8.

*GALLI, Manlio* (Roma-). Funkciulo en la trafikdirekcio en Romo. IFEA-Pr 1977-1984. LKK-Pr Romo 1978, IFEA-Honora Membro.

*GALLICANI, Enore* (Fidenza, PR-). Trafikisto en Emilio. Li helpis en IFK Cervia 1993. IFEA-ano 1991-2007.

*GALLICE, Giulio* (-). Aktiva en Novara 1926.

*GALLOIS, inĝ. Albert* (Bayeux 20.10. 1853-Draguignan 1940). Konstruanto de fervojaj retoj en Tunizio, Kanado, Gvineo kaj aliloke. E-isto ekde 1902, la franca grafo edziĝis al italino enloĝante en Rio Lunato, MO kie li fondis E-grupon (la 1-an en Italio). Li helpis en la kunfondo de la "*Itala societo por la propagando de Esperanto*" kaj en la eldonado en Torino de la revuo "*L'Esperantista*", kiun li redaktis. Li tradukis en la italan du gramatikojn de Theophile CART (1903-4) kaj "*Fundamento de Esperanto*" de Zamenhof, ĉi-lastan kune kun Rosa JUNCK (naskita BILEK) (Tábor CZ 1850-Bordighera IT 1929). Notoj en E.E. p. 167a. Foto en Courtinat, I, 198b. (M)

*GANDOLFI, Vittorio* (Torino-). Provizfakulo aktiva en Torino. Diplomito ĉe la E-katedro (1924). ANFE-e-ano 1926.

*GASPARINI, Claudio* (Udine-). IFEA-ano 1992-93.

*GASTALDELLO, Alberto* (1926-04. 09.2005). Aktiva en Verona; konvinkita eŭropeisto. IFEA-ano 1989-2004.

*GHEZ(ZO), A.* (-). Aktiva ĉe DLF en Trieste en 1937. E-diplomito.

*GIMELLI, Germano* (Fiumana, FO 04.11.1913-Gallipoli, LE 15.10.1999). Funkciulo de la elektra fako FS en Bologna. Li E-iĝis en 1950 ekkoninte Nanni, Zacconi, Bagnulo, ktp. Tuj li ekagadis, unue kiel Rd de IFEA-IFIB 1953-79, kiam prizorgis ĝin Bolognesi, kun lia helpo. Li estis IFEA-Sk (de 1954), IFEA-Pr (1984-95), kaj HPr (1995-99). IFEA-Komitatano ĉe IFEF (de 1963). En 1955 li estis LKK-ano de la UEA-UK Bolonjo, en 1970 LKK-Pr de la IFK Rimini, en 1978 li helpis la LKK-n en Romo. Kun la edzino Delvina, li organizis 2 IFEF-Skisemajnojn en Plan Val Gardena (1975, 1980). De 1977 IFEF-Honora Membro. UEA-D en Bologna. Dum multaj jaroj li estris la IIE-Bologna-Katedron, organizante kursojn kun la edzino Delvina kaj la filo Gianluigi. Li multloke ekspoziciis poŝtmarkkolekon, teme: Esperanto/fervojo. Nekrologo kun foto en "IFIB" 1/1999, p. 13.

*GRASSO, Edoardo* (Roma-). IFEA-ano 1989-2001.

*GRAZIANI, Franco* (Poggio Renatico FE 18.03.1917-Bologna 09.01.2006). Oficisto ĉe la komerca fako en Bologna. IFEA-Ks dum multaj jaroj.

*GRAZIANO, Umberto* (-). Aktiva en Napoli 1926.

*GUBBIOLI, Gaetano* (Faenza, RA 28.12.1910-Bologna 22.07.2003). Staciestro en Bologna Borgo Panigale, li multe aktivis en Bologna. IFEA-ano de la 80-aj jaroj. Tre helpema kaj sindonema, li partoprenis kun sia edzino en multegaj kongresoj kaj manifestacioj.

*GUIDETTI, Benedetto* (-). Trajnestro en Mantova (*LF* Julio 1923).

*GUIDETTI, Ernesto* (-). Trajnestro en Mantova (*LF* Julio 1923).

*IGNAIZER, Nerone* (-). Aktiva en Mantova en 1922.

*KOCH, Giuseppe* (Trieste-). Altranga funkciulo FS en la trafika fako FS en Bari kaj Napoli. Li gvidis kursojn por fervojistoj. IEL-D 1939, 40. Tre aktiva en la fervojista movado por la agnosko de nia Asocio ĉe FS. IEF-Pr 1923. (M)

*LA MURA, Ottavio* (Genova-). Aktiva en Torino, Bologna kaj laste en Forlì, kie li fondis la lokan E-Grupon. Kunfondinto en Torino (1922) de la unua IFEA-n, li estis agema propagandisto.

*LANZONI, Dino* (Bologna 25.07.1904 -tie 23.12.1988). Elektra teknikisto FS en Bologna. IFEA-ano de 1956 li partoprenis en multaj kongresoj. Nekrologo kun foto en "IFIB" 1/1989, p. 13.

*LATTANZI, Bernardino* (Roma 01.09. 1914-22.07.2006). Fervojisto, funkciulo en Romo. IEL-delegito 1946-47. IFEA-Pr 1964-1977. IFEA-Honora Membro.

*LICOFONTE, Ezio* (La Spezia-). Staciestro en Ligurio. IFEA-ano, fruaj 50aj jaroj ĝis la fino.

*LIOTTO, (?)* (-). IFEA-ano, 60-70-aj jaroj.

*LOVNATO, Antonio* (-). Aktiva en Mantova en 1922.

*MAGRINI, Alfredo* (-) Teknikisto en Udine en la trakcia fako. IFEA-ano dum multaj jaroj ĝis 2002.

*MARCHIORI, Giovanni* (Verona 25. 11.1917-tie 13.01.2008). FS-Kuracisto pri kormalsanoj ĉe la Saniga Oficejo en Verona. IFEA-ano de la 80-aj jaroj li kun la edzino Dea, tre zorgis organizi la lokan agadon, ĉefe inter fervojistoj.

*MASCHI, Luigi* (Verona-). Kontrolistestro en Verona. IFEA-ano kaj membro de la Fervojista Grupo dum multaj jaroj ĝis 1989.

*MECCHERI, Egidio* (-). Aktiva en Romo 1926.

*MENABENE, d-ro Alberto* (Roma 1926-tie 05.09.2009). Funkciulo en la Eksperimenta Instituto FS en Romo, li E-iĝis en la 60aj jaroj. Li tuj vigle agis ĉefe cele al la akiro de rekonoj en politika medio. Li instruis, verkis lernolibrojn. LKK-Pr de la IFK Romo (1978) kaj de la IEF-Kongreso 1980. Li zorgis por la "Interparlamenta Grupo Amikoj de E-o" kaj por "Interpartia Komitato" por la disvastigo de Esperanto. Li verkis multajn artikolojn por gazetoj de diversaj asocioj, partioj kaj sindikatoj, en kies medioj li klopodis starigi diverstipajn esperantistajn asociojn. Li verkis himnon por Eŭropo.

*MOLESINI, Enrico* (Verona 30.06. 1934-tie 16.02.2012). Direktoro de profesia lernejo en Verona. IFEA-ano ekde 1988 kaj IFEA-estrarano. Li aktivis en la organizado de Verono 1992 (Eŭropa-Kongreso) kaj, kiel Vp., la IFK-n Cervia 1993. Li helpis kiel IFIB-Rd.

*MOLLICA, Antonio* (-). Aktiva en Torino 1926.

*MONTAGNA, Gerolamo* (Voghera, PV-). Aktiva en Voghera en 50-60-aj jaroj.

*MORAS, Vinicio* (Udine -). IFEA-ano 1992-93.

*MORRI, Bruno* (Torino-). Trakciteknikisto aktiva en Torino. Diplomiĝis ĉe la E-katedro en 1924.

*NANNI, inĝ. Otello* (Bologna 1892-tie 01.07.1965). Altranga funkciulo FS en Livorno kaj Bologna. E-isto ekde 1909, li konis kaj korespondis rekte kun d-ro Zamenhof. Kunfondinto kun Achille TELLINI (Udine 25.02.1866-tie 01.10. 1938) kaj aliaj bolonjanoj de la Itala Katedro de Esperanto (1912), la nuna Itala Instituto, en kiu li aktivis kiel Direktoro de la urba-Katedro ĝis la forpaso. UEA-D 1947, 52, 54: Tre aktiva en instruado, propagando kaj en IFEA. En 1924 li estis Sk de la IEF-Kongreso Bologna. Li verkis ”*Kiel oni utiligas la hidraŭlikajn fortojn*”. Nekrologo kun foto en “*l'esperanto*” 1965, p. 74. (M)

*NEGRONI, Sergio* (Pianoro, BO 31. 03.1934-Bologna 11.09.2015). Elektroteknikisto ĉe granda veturilriparejo en Bologna. Li estas ĉiam helppreta por la tuta Bologna-movado, DLF, IFEA, kies ano li estis de la junaĝo kaj IFEA-Ks de 1984 ĝis la fino. Nekrologo kun foto en “IFIB 2017/12” 2015, p. 27.

*ORENGO, inĝ, Rinaldo* (-). Aktiva en La Spezia en 1923.

*ORSI, inĝ. Giorgio* (1906-Bologna 04. 06.1971). Altranga funkciulo ĉe la elektra fako FS en Bologna.

*PAGAN ZECCHINI, Antonio* (Verona -.02.1998). Trakcispecialisto en Verona. IFEA-ano 1954-98. IFEA-Ks 1954-57.

*PAGANI, Osvaldo* (Milano-). Aktiva en Milano ĉe DLF, fruaj 50-aj jaroj.

*PETRIS, Primo* (-). Aktiva en Mantova en la 50aj jaroj. Li estas en la Listo de Lokaj Reprezentantoj 1955.

*PIVARI, Claudio* (Porretta Terme BO-tie 14.09.1982). IFEA-ano en Porretta, BO. Tie li kunfondis DLF-E-Grupo kaj organizis kursojn. Li partoprenis en multaj UK kaj IFK kaj helpis en la organizado de la Internacia Junulara Festivalo Porretta, 04.1981.

*PRATO, Giovanni* (-).Aktiva en Torino 1926.

*QUARONE, Giuseppe* (Milano 1884-tie 08.03.1970). Pioniro de la itala movado, li E-iĝis en 1909 en Sampierdarena. En 1919 en Voghera li starigis kursojn kaj poste fondis grupon. Ĉie dum sia vivo, kie li loĝis kaj deĵoris, li varbis sukcese. Li kunfondis la unuan IFEA-n (01.03.1922) kaj kunlaboris kun Angelo ZORATTI en la terminara laboro. En 1933 li ekloĝis en Milano kie li fondis du E-grupojn inter fervojistoj kaj unu ĉe "*Konkordo*". Li verkis faman lernolibron. En 1949 Li partoprenis en Vieno (01-03.04.1949) en la "Tuteŭropa Fervojista Konferenco", kie li ellaboris la ideon refondi italan fervojistan asocion. Tio okazis en Milano (17.09.1950). IFEA-estrarano. Li kompilis gramatikon “*Trattato completo per lo studio della lingua internazionale ausiliaria Esperanto*” eldonita de Gr. “*Konkordo*” de Milano en 1949. Li donacis multajn librojn kaj abonis E-gazetojn al la Biblioteko "*Ricottiana*" en Voghera. Li estis membro de UEA, IIE kaj IFEA. Li konfirmis IFEF-n kiel fundamento por la disvastigo de E-o inter la fervojistaj sindikatoj kaj administracioj.

*RAMOLFO, Francesco Domenico* (Torino 1888-tie 04.01.1968). Aktiva propagandisto en Trofarello (TO) kaj en Torino, kie li fondis fervojistan grupon en la jaro 1918. Li gvidis kursojn por fervojistoj. UEA-D 1931, 38, 39, 46, 47 kaj nelonge Pr de la Torino-Grupo, provizora Sk (1924) kaj Pr de IFEA (1926), kiun li kunfondis en 1922. (M)

*RANUZZI, Gino* (Bologna -). Oficisto en Bologna. IFEA-ano 1990-92.

*RENI, Amerigo Luigi* (Milano 22.02. 1880-Verona 1957). Vicdirektoro de la fervojoj kaj tramvojoj en la provinco de Verona. E-isto ekde 1907, li fondis la Verona-Grupon (1911), regis multajn kursojn kaj ĉefe aktivis en la katolika medio kiel UECI-Sk (1943-57). Administra direktoro de IEF kaj kunlaboranto (per tradukaĵoj, noveloj, artikoloj) de "*L'Esperanto*" de Antonio PAOLET (1880-1960). Liaj tradukoj: "*La ĉaso al la diablo*" kaj la "*Laborkarto*". IEL-D 1938, 39, 46, 47. Notoj en E.E. p. 463-a. Nekrologo en "*l'esperanto*" 1957, p. 66. (M)

*ROCCATI, Michele* (-). Kontontrolisto de ANFE 1926.

*ROIA, Romeo* (-). Lokomotovisto en Mantova (*LF* Julio 1923).

*ROLPO, Mario* (-). Kunfondinto de la Fervojista E-Grupo Verona en 1946.

*ROSE, Giacomo* (Trieste-). Asistantestro en Triesto. En 1924 li respondecis por TELF en Italio kaj diplomiĝis ĉe la E-katedro (1924). Li kunfondis IFEA-n en 1950. IFEA-estrarano kaj kunlaboranto per fakaj artikoloj en la bulteno.

*ROSSO, N.* (-). Oficisto aktiva en Torino. UEA-D 1954.

*ROSSO, Vitale* (-). Aktiva en Torino 1926.

*RUEDL, Enrico* (-). Aktiva en Bolzano 1927.

*RUSCITTI, Armando* (-). Oficisto en Romo (*LF* Feb.-Marto 1925).

*SANGIORGI, Abele* (Faenza, RA 1924-). Staciestro en la granda varstacio Bologna San Donato. Longtempe aktiva en la fervojista Grupo en Bologna, en DLF kaj en IFEA ĝis 1996. Li ĉiam estis tre helpema kaj sindonema.

*SANTONI, Alfredo (SANTONE, G. ?)* (-). Fervoja Sekretario en Torino de la fondita (1921?) "Unione dei Ferrovieri Esperantisti Italiani" (*Unio de la Italaj Fervojistoj Esperantistaj,* E.E., p. 259) (*LF* Julio 1923).

*SANSONI, (?)* (Milano-). Aktiva en Milano ĉe DLF, fruaj 50-aj jaroj.

*SARTORE, Lino* (Mogliano Veneto TV-). IFEA-ano 1989-94.

*SAVOIA, Giovanni* (-). Aktiva en Torino en 1922.

*SCARFIOTTO, Giovanni* (-Scandicci, FI 1977). Teknikisto en la trakcia direkcio FS en Firenze. Li deĵoris ankaŭ en Trieste kie li E-iĝis en la lernojaro 1957 -58. [*CARCIOTTO*?]. Nekrologo en "IFIB" 1-3/1978, p. 8.

*SOLIMENA, Michele* (Napoli-). Tre aktiva propagandisto en Napoli. (M)

*SOMMA, Edoardo* (-). Aktiva en Cagliari en 1926.

*SORGETTI, Giuseppe* (-). Aktiva en Napoli en la 50-aj jaroj. Li estas en la Listo de Lokaj Reprezentantoj 1955.

*SPADAFORA, Mario* (Verona-). Aktiva en Verona. Unua IFEA-Pr 1952-1954.

*SPERANZA, Pasquale* (-). Aktiva en Napoli en 1926.

*TAIOLI, Gino* (-). Kunfondinto de la Fervojista Grupo en Verona 1946.

*TANCREDI, inĝ. Raffaele* (San Marco in Lamis, FG 1878-Napoli 1955). Li E-iĝis en 1909, post kiam li blindiĝis, kaj poste li doktoriĝis pri literaturo kaj filozofio, kiujn li intruis en Savona. Li organizis la blindulan movadon kaj zorgis vortaron Itala-Esperanton en "*braille*"-skribo. (M)

*TARASCHI Alberto* (-). Aktiva en Napoli 1926.

*TARLINDANO, Spartaco Fulvio* (1919 -Venezia 09.08.1992). Staciestro en Venezia Santa Lucia. IFEA-ano de 1960. Pr de la loka Fervojista Grupo, li varbis kaj instruis. IFEA/IEF-estrarano. LKK-Pr IEF-Kongreso en *Lido di Jesolo* VE 1979. Nekrologo en "IFIB" 1992, p. 21.

*TOMMASINI, Mario* (-Trieste 1970). Aktiva en Trieste.

*TONI, R. Umberto* (-). Aktiva en Mantova en 1922 li verkis fervojajn artikolojn. Li reaktiviĝis en la 50-aj jaroj kaj estas en la Listo de Lokaj Reprezentantoj 1953.

*TOSO, Dorino* (-). Aktiva en Benevento kaj Treviso en la 50-aj jaroj. Li estas en la Listo de Lokaj Reprezentantoj 1953, 1955.

*TREVISANI, Primo* (17.10.1913-Udine 02.10.1996). Lokomotivisto en Udine, kie li daŭre agis por diskonigi E-on. IFEA-ano jam en 1951-52 kaj ĝis la fino. En 1969 li fondis la Grupon "*Espero Friuli*"-n kaj en 1981 li refondis ĝin kun la nomo "*Nova Espero Friuli*". Nekrologo en "IFIB" 2/1996, p. 10.

*VANNUCHI, Raffaele* (-). Aktiva en Tarvisio, GO, 50-aj jaroj. Li estas en la Listo de Lokaj Reprezentantoj 1953.

*VENDITTI, Aristide* (-). Oficisto en Romo (*LF* Feb.-Marto 1925).

*VENDRAM, Alfonso* (-). Aktiva en Mantova en 1922.

*VICENTINI, Mario* (-). Kunfondinto de la Fervojista Grupo en Verona 1946. LKK-ano en la 6-a IFK Verona.

*VIGLIETTI, (?)* (-). IFEA-membro aganta en la 60-70aj jaroj.

*ZACCONI, Giuseppe* (Bologna 19.04. 1893-tie 16.03.1964). Direktoro de profesia lernejo FS en Bologna, kie li gvidis multajn kursojn. IFEA-Pr de 1953 ĝis sia morto kaj ankaŭ Pr de la Esperanto-Grupo "A. Tellini" en Bologna. UEA-D 1952, 1954. LKK-Pr de laKongreso "Pro-Esperanto" (Bolonjo, 1952, 24-a Itala) kaj, ĉefe, en la 40-a jubilea UEA-UK (Bologna, 1955). Nekrologo kun foto en "*l'esperanto*" 1964, p. 68, kaj en E.E. 20.04.1964. (M)

*ZANIBANI, Ettore* (-). Lokomotivisto en Mantova (*LF* Julio 1923).

*ZANIBONI, Eros* (-). Aktiva en Mantova en la 50-aj jaroj. Li estas en la Listo de Lokaj Reprezentantoj 1955.

*ZARA, Emanuele* (-). ANFE-Estrarano 1926.

*ZORATTI, Angelo* (-). Casale Monferrato, AL 31.12.1977). Li longe loĝis en Udine kie li estis disciplo de la pioniro Achille TELLINI. Li vigle aktivis jam antaŭ la 1-a mondmilito dum kiu, pro sia konduto, estis honorigita Kavaliro de Ordeno "Vittorio Veneto". Li estis LKK -ano de la 14-a IEF-Kongreso Udine, 1929. Li kunfondis IFEA-n en 1950, kies estrarano li estis. Li tradukis (kune kun Giuseppe QUARONE) la terminojn, kiuj aperis en "IFIB" en 1961, pri partoj de lokomotivoj. Nekrologo en "IFIB" 1-3/1978, p. 8.

## 2) Fervojistoj / eks-fervojistoj esperantistaj (nuntempaj)

*AMBROSETTO, Angelo* (Venezia 26. 09.1926-). Funkciulo, tradukisto en la komerca fako FS en Venezia, li partoprenis en IFK kaj instruis Esperanton.

*AMBROSETTO, Paola* (Venezia 05. 05.1966-). Konduktorino, filino de Angelo, IFEA-eksestrarano tre vigla varbe kaj organize por kursoj. Poste deĵoranta ĉe la Ministerio pri Kulturaj aferoj.

*AMBROSETTO, Giovanna* (Venezia 21.03.1971-). Staciestro, filino de Angelo.

*ASTEGIANO, Giovanni* (Bistagno AL 1949-). Staciestro en Piemonto. IFEA-ano 1989-96.

*BACCHIARELLO, Giuseppe* (-). Fervojisto en Ventimiglia. IFEA-ano 1989-93.

*BADINI, Alba* (Bologna 1945-). Oficistino en la sanitara fako en Bologna. IFEA-ano 1989-92.

*BATTISTELLA, Renzo* (Mogliano Ve-

neto TV 02.07.1933-). Lokomotivisto en Venezia. IFEA-e-ano.

*BELLAN, Umberto* (Bologna-). Trajnestro en Bologna. IFEA-ano 1989-92.

*BERTAZZO, Giuseppe* (-). Fervojisto en Venezia. IFEA-ano 1995-99.

*BOLOGNESI, d-ro Romano* (Bologna 22.03.1941-). Funkciulo en diversaj fakoj FS en Bologna. E-isto de 1957, li estis Pr de la urba Grupo 1978-79, IEF-nacia konsilanto, IFEA-Rd de 1979, IF EA-Sk 1984-2014. Li atingis la instruan nivelon en 1986 kaj membriĝis ĉe IIE. Direktoro de la IIE-Bologna-Katedro de 1987. IIE-e-ano 1993-2007/IIE-Ks 1996 -2007. Li kunagis ĉe DLF por konfirmigi la daŭre agantan grupon organizante kursojn kaj instruante la Lingvon de 1979. UEA-D en Bologna. Li seninterrompe partoprenis en la IFK de Romo 1978 ĝis Kunming 2015. Propagande tre aktiva, li daŭre organizas kursojn, ekspoziciojn, manifestaciojn, debatojn, prelegojn, inter kiuj ankaŭ la 45-an IFK Cervia 1993, la 61-an Trieste kaj la 66-an San Benedetto d. T. 2014 kiel LKK-Pr. Li verkas artikolojn itale kaj E-e. Ema pri interlingvistiko li prelegas/ instruas pri tio kaj aliaj temoj en Italio kaj eksterlande en internaciaj staĝoj. En Salou 1989 li elektiĝis Sk de IFEF, kies novan Statuton (1990) li reordigis. Li elektitiĝis IFEF-Pr en IFK Aalborg DK 1998, kaj konfirmiĝis en Tabor CZ 2001, en Sopron, HU 2004, en Parizo FR 2007. En Triesto 2009 li iĝis IFEF-HPr, kaj demisiis en Sofio BG 2010.

*BONGIOVANNI, Fulvia* (Bologna-). Funkciulo en la personara fako FS en Bologna. IFEA-ano 1979-92.

*BONATO, (?)* (-). Aktiva IFEA-ano en la 60-70-aj jaroj.

*BORRELLO, Enrico Gaetano* (Ortonovo, La Spezia SP 14.07.1951-). Geometro ĉe la Trakbontenada fako en Pisa kaj La Spezia. IFEF-ano 1974-90-aj jaroj. Poste deĵoranta ĉe la Ministerio pri Financoj.

*BOSCHIN, d-ro Serio* (Treviso 03.02. 1931-). Funkciulo de la librotenada fako FS en Venezia. IFEA-ano/e-ano, spertulo pri fakaj terminoj li longe reprezentis IFEA-n en la IFEF-Faka Komisiono kaj li elstare aktivas en la katolika medio, en la instruado kaj en la prelegado.

*BRUSA Luigi* (Bologna-). Funkciulo en la trafika fako en Bologna. IFEA-ano 1987-88.

*CAMPODIPIETRO Primiano* (-). IFEA -ano 1985-86.

*CARLETTI, Leonello* (Sassoferrato, AN 04.09.1937-). Ĉefflegisto en la sanitara fako FS en Udine. Aktiva ĉe la tiea DLF, li kolektigis la movadanojn en la renovigita Grupo: "Nova Espero Friuli". Li multe propagandis per kursoj, ekspozicioj, manifestacioj.

*CAVALLINI, Nerio* (Crevalcore BO 23/02/1940-). Lokomotivisto en Bologna. IFEA-ano 1988-94.

*CECI, Pasquale* (Colorno, PR 14.07. 27-). Ĉefteknikisto en veturilreparejo kaj DLF-Pr en Bologna 1959-75. Li multe apogis la e-istojn kaj partoprenis kun la edzino Clementina (Nara) en multaj IFK. Li grave rolis en la organizado de IFK-Rimini 1970 kaj Romo 1978. Li iĝis Membro de la IFEF-"Honora Patrona Komitato" (1970). LKK-ano IFK Cervia 1993. IFEA-Pr (1995-2010) kaj poste IFEA-Honora Membro.

*CHIEFFO, Michele* (-). Oficisto en Bologna. IFEA-ano 1987-88.

*CODROMA, Carla* (Bologna 24.09. 1948-). Oficistino en la trafika fako en Bologna. IFEA-ano 1998-2002.

*CORSO, Gino* (Verona 31.10.1926-). Teknikisto en granda lokomotivriparejo FS. Rekunfondinto de la Verona Fervo-

jista Grupo ĉe DLF (11.11.1946) kaj ĉefe de IFEA (17.09.1950 en Milano). Li regis IFEA-n en la fruaj 50-aj jaroj kaj estis Sk de la 6-a IFK Verona 1954. De ĉiam motoro de la fervojista agado en Verona kaj en Italio, li partoprenis en multaj IFK, ekde la 2-a en Salzsburg: Paris, Lindau, Utrecht, ktp, kaj en multaj IEF-Kongresoj, kie li multfoje aranĝis fakkunvenojn.

*DAZZINI, Raffaello* (Seravezza LU 07.09.1944-). Funkciulo ĉe la Komerca fako en Toskanio. IFEA-ano de 1985.

*DE SALVO, d-ro Antonio* (Roma 08. 06.1942-). Funkciulo de la jura fako en la Roma Direkcio FS. LKK-ano de la IFK Rimini kaj Romo en kiu li pretigis la ĉefajn fakprelegojn. IFEA-ano ĝis 1984. Poste li iĝis juĝisto ĉe la Kontrevizora Kortumo.

*DI SERIO, Arcangelo* (Sant'Arpino CE 23.01.1961-). Staciestro en Modena kaj en Mestre.

*DOTTO, Antonio* (Tombolo, PD 31. 03.1941-). Stacisekretario en Cittadella PD. Li estis IFEA-e-ano kaj helpis kompili fervojan terminaron.

*FACCHINELLI, Angelo* (Civezzano, TN 24.02.1940-). Staciestro en Cittadella PD. IFEA-e-ano, helpanto en la kompilado de fervoja terminaro. Elstara poligloto, orgenisto kaj korusestro.

*FANTONI, Renzo* (-). Oficisto en Bologna. IFEA-ano 1984-85.

*FASOLI, Fiorenzo* (Verona-). IFEA-ano 1990-96.

*FERLAUTO Andrea* (Nicosia EN 05. 11.1953-). Trajnestro en Bologna. IFEA -ano de 2012.

*FIOR, Elio* (Trieste-). IFEA-ano 1989-93.

*FIUME, Domenico* (Reggio Calabria-). Aktiva organizanto de kursoj kaj de movida manifestacioj. IFEA-ano ĝis 1989.

*FRANCHI, Emanuele* (Annone Veneto VE 11.11.1923). Lokomotivisto en Venezia. Tre vigla ano kaj IFEA-arbitracianto.

*GAUDINO, Nada* (Pisa 06.02.1950-). Oficistino en la trafika fako en Bologna. IFEA-ano 1989-2005.

*MANTOVAN, Renzo* (Venezia 03.01. 1950-). Funkciulo en la Direktora Sekretariejo FS en Venezia. Aktiva en la urba fervojista grupo "*La Gondolo*". IFEA-e-ano, li kunlaboris organizante iujn manifestaciojn.

*MANTOVANI, Agostino* (Vercelli 10. 12.1937-). Teknikisto en Vercelli. Li estis IFEA-ano 1989-2012/IFEA-e-ano.

*MARCHI, Lorella* (Bologna-). Oficistino en Bologna. IFEA-ano 1984-85.

*MERLANI, Mirella* (Roma 1941-). Oficistino en la Trafikdirekcio en Romo. Ŝi klopodis organizi junularajn sekciojn en IFEA kaj IFEF. LKK-membro en la IFK Romo 1978.

*MUSOLINO, Giuseppe* (1942-). Trakteknikisto en Pisa. IFEA-ano 1984-85.

*OCONE, Adele* (-). Oficistino en Bologna. IFEA-ano 1985-86.

*ORSINI, Gianni* (Bologna 12.03.1938-). Trajnestro en Bologna. IFEA-ano de 2002.

*PAVESI, Claudio* (Novara 29.08.1956-). Oficisto en Novara kaj sekve en Torino. IFEA-ano 1989-2012.

*PEPPOLONI, Anna* (Bologna-). Oficistino en Bologna. IFEA-ano 1992-98.

*PICCOLI, Ezio* (Bassano del Grappa VI-). Fervojisto. IFEA-ano 1989-96.

*PISTOIA*, *Antonino* (Pozzallo RG 23. 06.1923-). Oficisto en Romo. IFEA-ano de 1989.

*POLIGNANO, Vincenzo* (Bari-). Oficisto en Bari. IFEA-ano 1989-94.

*RAGUSEO, Giuseppe* (-). IFEA-ano 1987-88.

*RINALDO, Giancarlo* (Castelfranco Veneto, PD 25.05.1945-). Trafikisto en

Venezia. Li refondis fervojistan Grupon en Padova kaj agis en IFEA 1991-1999, kaj en iuj asocioj, ĉefe en la Venetia Kunordigado per lerte redaktita bulteno. Li kunfondis LEA-n (Laborista E-Asocio). Li instruas kaj propagandas.

*SASSO, Alessandro* (Belforte Monferrato AL-). Trafikestro en Piemonto. IFEA-ano 1997-2007.

*SILVESTRE, Gaetano Antonio* (-). Oficisto en la trakcia fako en Bologna. IFEA-ano 1999-2002.

*TAGLIANO, Guglielmo* (Acqui Terme AL 1950-). Fervojisto, staciestro en Piemonto. IFEA-ano 1989-96.

*TORNILLO, Vito* (Calitri, AV 21.09. 1958-). Trajnestro en Bologna, poste estro de la vojaĝanta personaro kaj ĉe la operativa ĉambro Trenitalia. Li E-iĝis entuziasme en 1989. Li estis Sk de la IFK Cervia 1993. Li estis LKK-ano pri la fakaj aferoj en IFK Trieste 2009, prezentis ĉefan prelegon. Organizis IFK en San Benedetto del Tronto 2014 (kun Bolognesi kaj Tomba), prezentis ĉefan prelegon. En 2015 estis LKK-ano de la IFK San Benedetto d.T. IFEA-e-ano/-Sk (2013-), li kunredaktas IFIB-n kaj agadas por IFEA en la IFEF-Fervojfaka Komisiono. En Sofio BG 2010 li elektiĝis IFEF-Sk, tio konfirmiĝis en Artigues FR 2013 kaj en Varna BG 2016. Tre kapabla kaj zorgema pri la retaj paĝoj de IFEA/IFEF. □

---

Nia IFEA, malfermita al ĉiuj, dum jaroj estis/-as samideane helpata ankaŭ de multaj sindonaj ne fervojistoj, per aniĝoj, inteligentaj kaj praktikaj agadoj, al kiuj ni elkore dankegas. Esperante pri ne forgesoj, jen nomlisto.

Abriani Franco, Alberton Anna, Amadei Mario, Angiolini Fabrizio, Angiolini Giorgio, Antei Dina, Argentino Salvatore, Ari Valerio, Ariani Enzo, Bagnoli Stefano, Barattini Lina, Barbieri Pietro, Bassetti Alfredo, Biagi Medardo, Bolognesi Aurora, Bonomi Antonia, Bonomi Paolo, Bonora Giuseppe, Bonora Lanfranco/Scardovi Annamaria, Bonora Rosanna, Bonvecchiato Gustavo, Boragini Gastone/Campiani Maria Teresa, Borghi Giuseppe, Borromei Fernanda, Brambilla Marco, Bullo Elena, Buzzi Anna, Capecchi Daniela, Carioli Clara Gubbioli, Carioli Norma, Carlin Alma Molesini, Castelli Elena, Corrado Glauco, Castelvetri Lorenzo, Celli Valeria, Centamore Salvatore, Corazza Iside Graziani, Costa Raffaella, Crespan Marco, Cuzzani Oriano/Castagnini Rina, Dalbagni Roberto, Dallari Paolo, D'Avolio Giuseppe, Dazzini Catina, De Lorenzi Carla, De Riu Grazia, Di Donato Alessandra, E-As. Trieste, E-Gr. Caltagirone, E-Gr. Pistoia, E-Gr. Vicenza, Fabbri Lea, Facchini Federico, Fara Maria Vittoria, Favaro Maria Tarlindano, Ficher Luciana, Fontana Carlo Alberto, Franzoni Leo, Frusciante Antonio, Galbusera Franco, Galletti Francesca, Gimelli Gabriele, Gimelli Gianluigi, Gimelli Giulio, Gimelli Guido, Gorini Carla, Gorini Paola, Gualandi Elisa Bolognesi, Gualandi Gustavo, Guareschi Giovanni, Incerti Leda, Lafosse Michel/José, Lamberti Vitaliano/Di Giovanni Silvana, Lasalandra Nicola, Lenzi Liviana, Madella Vittorio, Manetta Danio, Marciano Alberto, Mariotti Paola, Masetti Valentina, Mignani Rino, Morandi Nicola, Naldi Maria Grazia, Negri Bruna Corso, Nicolini Clementina (Nara) Ceci, Pecci Ireneo, Pipitone Lucia D'Amico, Poletti Roano, Primavera Luigi, Righi Agostino, Rizzoli Alberto, Sabelli Vanda, Setti Romana Cavallini, Sommi Renzo, Sperotti Maddalena, Spina Vittoria, Stanghellini Delvina Gimelli, Stefanini Antonio, Suster Romei Riccardo, Tocco Settimio, Veratti Fabrizio, Vitali Daniele, Zaborska Wioletta Tomba, Zacconi Norma, Zambrini Franca, Zaniboni Giorgio, Zannini Valeria. □

---

N.B. Ni estos treege dankaj al tiuj, kiuj povos aldoni precizigojn kaj iajn ajn datumojn (antaŭnomojn, naskiĝ- kaj mort-lokojn kaj -datojn), fotojn, notindajn profesiajn kaj E-istajn vivaferojn, verkojn, ktp). Same estos bonvenaj sciigoj pri eventualaj aliaj kolegoj, se ne notitaj de ni. Ni ankaŭ ŝatus ricevi ĉiajn reagojn kaj konsilojn de la legantoj. □

---

*D-ro Romano BOLOGNESI, Via Misa 4, 40139 Bologna BO, Tel. 051 547247. E-adreso:* bolognesiromano@alice.it □

# GIOCO DI PAROLE = *VORTLUDO* - 38

Chiave = *Sloŝilo* (10,8): Incontro mondiale = Sloŝilo (10, 8): Tutmonda renkontiĝo.

| | | | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| O | L | O | P | J | O | Ĵ | A | D | N | I | R | I | M |
| K | E | Ĉ | R | O | D | I | I | K | A | N | A | K | A |
| R | O | A | I | T | R | O | M | E | N | N | U | A | N |
| A | N | M | K | E | A | D | T | E | E | A | C | B | D |
| M | O | N | E | J | K | P | O | S | T | U | L | I | A |
| E | E | E | Ŭ | R | O | J | Ĉ | E | O | D | A | I | R |
| R | R | Z | I | E | C | C | A | N | A | R | O | K | E |
| U | M | I | O | N | D | I | N | C | J | O | I | S | N |
| T | N | O | S | T | C | I | E | A | K | M | K | I | O |
| N | A | O | I | E | N | R | L | I | L | E | G | R | L |
| E | Ĥ | O | N | U | R | I | A | I | E | D | Ŭ | P | J |
| V | S | E | L | E | B | A | B | P | E | A | I | E | O |
| A | V | L | R | U | I | R | A | O | T | R | N | I | S |
| O | T | A | K | T | E | T | A | O | A | I | K | S | N |

Cerca e riquadra ogni parola nella lista, in orizzontale, verticale, diagonale, in tutte le direzioni. Alcune lettere sono comuni a più parole. Quelle restanti, lette in ordine, formano la chiave definita.

*Serĉu kaj ĉirkaŭlimigu ĉiujn vortojn enlistigitajn horizontale, vertikale, diagonale, al ĉiuj direktoj. Iuj literoj estas komunaj en kelkaj vortoj. La restintaj, legataj laŭorde, formas la difinitan ŝlosilon.*

ALEO, AVENTUREMA, BABELE, BAKI, BALENA, BIO, DANCI, DROMEDARI, EGA, EĤO, EKSE, ERA, ESENCA, ETA, ETOJ, EŬROJ, ĤAN, IAN, ION, IRE, KANAKA, KARDO, KATO, KIO, KOMERCI, KREI, KUBILAJ, LANCO, LEONO, LIBRE, MANDARENO, MARKO, MEZO, MIRINDAĴOJ, MONE, MORTI, NANETO, NEI, NUBA, PATRO, PIRA, POLO, PORDO, POSTULI, PRISKRIBADI, RENTE, RIADO, RISKI, RODI, ROKE, ROSTO, SKIA, SOJLO, TAŬRO, TEMI, TIO, TRAIRI, TRO, VENECIA.

# Kolofon


**ITALA FERVOJISTO**
**IL FERROVIERE ITALIANO**

***Informa Bulteno*** *de la Itala Fervojista Esperanto Asocio (IFEA), landa asocio de IFEF (Internacia Fervojista Esperanto-Federacio). Dulingva redakto (itale-esperante).*

**Bollettino di informazione** dell'Associazione Italiana Ferrovieri Esperantisti (IFEA), membro della Federazione Internazionale Ferrovieri Esperantisti (IFEF). Redazione bilingue (italiano e Esperanto).

**Adresoj/Redaktejo**:

- ***Romano Bolognesi***:
✉ Via Misa 4, IT-40139 Bologna,
☎ ++39 051 547247
💻 <bolognesiromano@alice.it>
- ***Vito Tornillo***:
✉ Via Salvo D'Acquisto 9/5, IT-40050 Monte S. Pietro BO,
💻 <vitorni@virgilio.it>.

*Lingva kontrolado*: Gianfranco Tomba, Lanfranco Bonora.
*Senpage al la membroj* / Gratis ai membri
*Memprintita* / Stampato in proprio
*Kvarmonata - neregula* / Quadrimestrale - non regolare.

**I.F.E.A.**: H.Prezidanto/Redaktoro: Romano Bolognesi - Sekretario: Vito Tornillo - Kasisto: Gianfranco Tomba - Kunredaktoro/Komitatano/Fakkomisionano: Vito Tornillo - Revizoroj: Renzo Battistella, Lanfranco Bonora, Serio Boschin - Arbitraciantoj: Gino Corso, Emanuele Franchi, Elisa Gualandi.

I.F.E.A.-BankKonto ĉe: Vito Tornillo c/o CARISBO Zola Predosa (BO)
**IBAN IT55 P063 8537 1301 0000 0004 536**
uea-konto: robo-r
Apermonatoj: apr., aŭg., dec. (laŭeble)
Redaktofinoj: 20/03, 20/07, 20/11.
www.dlfbo/esperanto.it - www.ifef.net


# Leggere l'Esperanto

L'Esperanto è una lingua molto precisa, armoniosa e chiara, con un sistema fonetico semplice ed esatto.

Ecco qui ***tutte*** le poche regole al riguardo.

☆ Le vocali sono cinque: **a e i o u**

☆ In tutto l' **alfabeto** è formato da 28 lettere:

**a, b, c, ĉ, d, e, f, g, ĝ, h, ĥ, i, j, ĵ, k, l, m, n, o, p, r, s, ŝ, t, u, ŭ, v, z**

☆ **L'Esperanto si pronuncia come si scrive** e **si scrive come si pronuncia** (sempre, in ogni situazione).

☆ **Ogni lettera ha un suono, ad ogni suono corrisponde una lettera** (un singolo suono per ogni segno grafico).

☆ **Le lettere si pronunciano come in italiano** (quasi tutte, tranne le poche degli esempi, facili e conosciute).

☆ **L'accento tonico cade sulla penultima vocale** (sempre, negli esempi è quella sottolineata).

**c** **sorda, come la *z* di *palazzo* (palaco)**
**ĉ** **palatale, come la *c* di *felice* (feliĉa)**
**g** **gutturale, come *gh* di *ghisa* (giso) o *g* di *gas* (gaso)**
**ĝ** **palatale, come la *g* di *villaggio* (vilaĝo)**
**h** **aspirata leggera (herbo); (pronunciarla sempre!)**
**ĥ** **aspirata forte (ĥolero), come *ch* nel tedesco (*bach*)**
**ĵ** **sibilante, come *sg* di *disgelo*; meglio la *j* francese (*jour*)**
**k** **gutturale, come *ch* di *chilo* (kilo) o *c* di *cassa* (kaso)**
**s** **sorda, come la *s* di *sale* (salo)**
**ŝ** **sibilante, come il gruppo *sc* di *sceriffo* (ŝerifo)**
**z** **sonora, come la *s* di *musica* (muziko)**
**j - ŭ** **sono considerate consonanti e suonano come *i* e *u* brevi nelle parole italiane *gaio* (gaja) e *feudo* (feŭdo)**

*Ni semas kaj semas, konstante*




*La reloj kunligas la landojn, Esperanto la popolojn.*
Le rotaie collegano i territori, l'Esperanto i popoli.